# Etnismo




N-RO 14 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 12.12.76

# TURKIO -

## TIPA EKZEMPLO DE BRUTALE ASIMILANTA ŜTATO

Bulgario
Nigra Maro
Sovetunio
Istanbulo
Izmit
Adapazari
Bursa
Balikesir
Ankaro
Erzurum
Izmiro
Ödemiş
Tire
Tur Abdin
Adano
Mosulo
Rodo
Iskenderun
Halabo
Irako
Sirio
Nikozio
Cipro

Per la armea invado al Cipro, dum somero 1974, la Respubliko Turkio demonstris sian vervan interesitecon pri la turka minoritato en tiu insula respubliko. La greka majoritato malrespektis la konstitucie garantiatan kompletan samrajtecon de la turketnaj cipranoj. Simile kiel Francio kiu engaĝiĝas favore al ĉiuj eksterlandaj francetnanoj kaj samtempe diskriminaciadas la enlandajn minoritatojn, la registaro de Ankaro praktikadas politikon celantan al la totala asimilado de ĉiuj neturkaj etnoj.

# LA ETNAJ MINORITATOJ EN TURKIO

La Otomana Regno de la kalifoj kaj sultanoj estis multetna ŝtato, en kiu dum longa tempo "nacio" kaj "konfesio" estis samsignifaj. Ĉiu religianaro agnoskita fare de la Plejalta Pordego formis "nacion" (turke: millet), ĉe kies pinto troviĝis eklezia altrangulo (turke: millet-başi), kutime patriarko, samkiel ankoraŭ nun ĉefepiskopo Makarios estas civila kaj religia ĉefo. La unuopaj "nacioj" ĝuis relative autonoman vivon kaj rajtis utiligi sian propran lingvon en la eklezio, en la lernejoj kaj en civila justico. Tio radikale ŝanĝiĝis per la apero de la junturkoj kaj la revolucio de 1908. La junturkoj celis eksplicite turketnan ŝtaton kaj unue profitis el la Unua Mondmilito por sisteme ekstermi la armenojn en Anatolio. La milito inter Grekio kaj Turkio en 1921/23 finiĝis kun la malgrandazia tragedio de la grekoj, kiuj devis malaperi el tiu regiono. La transformo de Turkio en respublikon kaj modernan ŝtaton fare de Kemal Paŝao signifis samtempe la kompletan subpremadon de ĉiuj neturketnaj civitanoj restantaj en la lando.

Bedaŭrinde tiu ĉi politiko estas aŭ ignorata aŭ konsiderata kiel neriproĉinda, en la politika okcidento. Ekzemple tre populara turista gvidlibro ("Baedeker-Autoreiseführer", Turkio. 1966) ja mencias ke el la loĝantaro 90,8 % estas turkoj, 7 % kurdoj, 1,3 % araboj kaj 0,3 % grekoj kaj ke ekzistas ĉerkesoj, kartveloj, judoj kaj aliaj, sed tiuj nombroj estas absolute tro malaltaj, kaj, krome, aliaj etnoj eĉ ne estas menciitaj. Plie, tiu ĉi gvidlibro minimumigas la sangoverŝan ekstermadon de armenoj kaj grekoj jenavorte: "Post la limigo de la lando je la hodiaŭ ŝtata teritorio, la nacia unueco estis, aldone, plifortigita per elmigrado kaj gvidata translo ĝiĝo de la grekoj (1,5 milionoj), por kiuj restis nur difinitaj regionoj (Istanbulo, la insuloj Imroz kaj Bozcaada), samkiel per elpelado de la armenoj kaj malvastigo de la kurda loĝregiono unuflanke kaj per la revenigo de mahometanaj sampopolanoj ("muhaciroj") el Bulgario, Jugoslavio, Grekio kaj Rumanio aliaflanke (proksimume 1 miliono, nur dum 1934 - 39: 534.217). Loĝigitaj en plej diversaj landopartoj, la "muhaciroj" estas komplete integrigitaj en la popolo, ankaŭ en centra Anatolio." Oni ne scias, ĉu tie ĉi pligrandas la cinikeco aŭ la naiveco de la aŭtoro, kiu, per esprimoj kiel "gvidata translo ĝiĝo", "elpelado" kaj "malvastigo de la loĝregiono", same minimumigas hororaĵojn kiel faris la nazioj parolante pri la murdado de judoj sub la termino "fina solvo". Estas interese ke la "muhaciroj" estas nomitaj almenaŭ m a h o m e t a n a j sampopolanoj kaj ne t u r k a j, ĉar inter ili estis centmiloj da mahometanaj slavoj, t.e. bosnianoj, pomakoj (bulgar/lingv/aj) kaj makedonoj, krome ĉerkesoj eklo ĝigitaj en balkano nur en 1864 kaj dekmiloj da albanoj kaj tataroj (precipe el Dobruĝo), fine malgrandaj grupoj da grekoj kaj aromunoj. Tio, kion "Baedeker" nomas plena integriĝo en la turka popolo, signifas nur ke Turkio neas al tiuj etnoj ĉian rajton pri sia propra lingvo.

En esenca verko, aperinta antaŭ mallonga tempo, troviĝas 40 kontribuaĵoj de fakuloj pri Turkio, sed same senteblas la kunordiga mano de la turkaj aŭtoritatoj, kiuj kompreneble ne deziris ke oni legos, en tia grandioza volumo okaze de la 50-jara ekzisto de la respubliko, kiom da ombro falas sur Turkion. Tio plejevidentas en la ĉapitro sub la titolo "Minoritatoj kaj eksterlandanoj", de Liesa Nestmann. Jam la kunigo de tiuj ĉi du grupoj en unu ĉapitro estas malserioza, ĉar tio tute misprezentas la situacion: Oni komparas milionojn da kurdoj, de kohera loĝregiono, kun malmultaj eksterlandanoj vivantaj en grandurboj. Same la ĉapitro pri "Grupoj kun aparta lingva kaj religia statuso" malĝustalume prezentas la brutalan politikon de la registaro de Ankaro kontraŭ minoritatoj. Tiuloke la aŭtorino listigas kurdojn, armenojn, arabojn, nordsirianojn kaj la

kristanan sirian enloĝantaron, same grekojn, judojn kaj aliajn. Konfuzas "aparta lingva kaj religia statuso", ĉar fakte nur la armenoj, grekoj kaj judoj ĝuas certajn minoritatajn rajtojn, ekzemple proprajn lernejojn kaj gazetaron sialingvajn. La aliaj etnaj grupoj ne havas tiujn ĉi "privilegiojn", tiel ke ŝajnas ke la aŭtorino volas substreki la diferencon de denaska lingvo. Indikante "proksimume 2,2 milionojn" da kurdoj ŝi ege kontrastas al ekspertoj pri la kurda situacio parolantaj pri 7 ĝis 8 milionoj. Dirante ke la kurdoj vivas en "relative kohera loĝregiono", "en kiu malpli ol 5o % de la vilaĝanoj parolas la turkan", ŝi prisilentas la genocidon al la kurdoj kaj la kompletan malpermeson de la kurda lingvo en lernejoj kaj en la publika vivo. "Malpli ol 5o % parolas la turkan" estas eŭfemismo, ĉar en iuj orientanatoliaj provincoj 9o % kaj pli estas kurdlingvuloj, kaj oni devus diri ke "malpli ol 5o % s c i p o v a s paroli la turkan". - La masakrado de armenoj estas tute flanke menciitaj kiel "perdo de proksimume 3 milionoj da homoj". Trovante ankoraŭ nombrojn pri araboj, sirianoj kaj grekoj, oni poste trovas nur: "Ĉiuj aliaj minoritatoj, la balkanaj popoloj, ĉerkesoj, tataroj, molokanoj, malgranda aro da volgo-germanoj apud Kars kaj la kartveloj ĉe la orienta marbordo de la Nigra Maro apenaŭ konstateblas kaj iom post iom asimiliĝas." Tutsimple nia nescio kaŭzas ke ili apenaŭ estas konstatataj, ĉar eĉ nur la ĉerkesoj ampleksas pli ol 1oo.ooo homojn loĝantajn en kelkakaze komplete ĉerkesaj vilaĝoj kaj certe rezistontajn pli longan tempon kontraŭ la asimilado ol povos tiuj 1oo volgo-germanaj familioj kiuj enmigris dum la rusa okupado de Kars. - Estas facile kompreneble ke kartveloj "hodiaŭ apenaŭ mencias sian etnan apartecon", ĉar ..... ili ne rajtas! La aŭtorino nenion diras pri osetoj kaj turkmenoj, ubiĥoj kaj karakalpakoj kaj pri la fakto ke la judoj grandparte parolas kastilie (kun du semajngazetoj "La Vera Luz" kaj "Şalom"). Liesa Nestmann nomas la "problemaron de la ceteraj minoritatoj" "tikla temo", sed sciencisto ne hezitu antaŭ tiklaj temoj. (Temas pri la libro: "Türkei. Raum und Mensch, Kultur und Wirtschaft in Gegenwart und Vergangenheit" de Werner Kündig-Steiner, Tübingen/Bazelo, 1974.)

La nombran fortecon de la neturketnaj grupoj en Turkio montras la konsisto de la turkia laboristaro en okcidenta Eŭropo. Ĉiuj minoritatoj de Turkio estas tro reprezentataj, ĉar precize ilia loĝregionoj estas plej multe neglektataj, kio puŝas ilin al elmigrado. "Kurda Semajno" en Bochum (Rur-regiono, FRG), en 1975, evidentigis ke multaj "turkaj" studentoj estas kurdoj. En multaj familioj de eksterlandaj laboristoj el Turkio oni parolas nur ĉerkese, arabe, aramee aŭ laze, kaj en FRG okazas ke turkaj instruistoj staras antaŭ gelernantoj ne scipovintaj unu solan turkan vorton antaŭ la unua lernotago!

Preciza kaj kompleta superrigardo pri la etnaj minoritatoj de Turkio bedaŭrinde ankoraŭ ne estas verkebla, ĉar nek la turka registaro starigas ekzaktajn tiutemajn statistikojn nek privataj esploroj eblas. Ĝis 1965 tuta orienta Anatolio estis arme-zono ne vizitebla. Nun ja eblas tien vojaĝi, sed ankoraŭ pluraj esploristoj estis ellandigitaj pro intensaj kontaktoj kun la loĝantaro kaj pro enketoj pri la etna kaj lingva diverseco. Ni, do, provos skizi la situacion per tri ekzemploj de regionoj al ni malpli supraĵe konataj: Istanbulo, la okcident-turkia regiono de Küçük-Menderes kaj la orientanatolia regiono de Tur-Abdin. Fine invitos al diskuto koncizaĵo pri tuta Turkio.

# ISTANBULO

Bizanco, Konstantinoplo, Stambulo, Carigrado, Miklagardo kaj kiel ajn nomiĝis Istanbulo --- ĝi ĉiam estis multetna urbo, kiun karakteron ĝi konservis ĝis hodiaŭ kun siaj 4 milionoj da enloĝantoj. En ĝi vivas la tri solaj oficiale agnoskitaj minoritatoj: grekoj, armenoj kaj judoj, krome anoj de ĉiuj aliaj etnoj de Turkio.

## LA GREKOJ

Laŭ la traktato de Lausanne (1923) estis toleratāj nur la grekoj en Istanbulo kaj sur Princaj Insuloj, situantaj antaŭ la urbo, kaj sur Imroz kaj Bozcaada, dum ĉiuj ceteraj grekoj de Turkio estas translokitaj al Grekio. Istanbulo ankoraŭ nun estas la sidejo de la ortodoksa patriarko kaj de pluraj grekaj episkopoj, sed la nombro de la grekoj inter 1955 kaj 1970 malkreskis de 81.000 ĝis 20.000 kaj fine, post la krizo pro Cipro, atingis nivelon sub 10.000. Tamen, formale, ankoraŭ ekzistas greka ĉefepiskopejo kun 37 parohoj kaj 58 preĝejoj. Krome, en Yeşilköy (iam San Stefano, konata pro la packontrakto de 1878), en eŭropa Turkio, ankoraŭ rezidas episkopo. Tiu ĉi diocezo enhavas nur kvin parohojn, al kiuj apartenas kvar grekaj lernejoj. La azia parto de Istanbulo formas apartan grek-ortodoksan diocezon gvidatan de metropolito, kiu rezidas en Kadiköy. La metropolito havas la titolon "de Kalcedono" memorige pri la 4-a ĝenerala koncilio de la jaro 451. Tiu ĉi diocezo ampleksas 10 parohojn.

Tria diocezo troviĝas antaŭ la urbo, sur la Princaj Insuloj. En ties sidejo Chalki estis ĝis 1971 la teologia altlernejo, kiun fermis la turka registaro. Tie troveblas ankoraŭ kvar parohoj kun kvar lernejoj kaj kelkaj monaĥejoj.

Serĉanto de tiuj grekaj preĝejoj renkontas obstaklojn: Ofte ili estas apenaŭ konataj inter la mahometanaj najbaroj, kaj kutime ili kaŝiĝas ie en malantaŭaj kortoj aŭ malantaŭ la fasadoj de ĉefaj stratoj. Ĝenerale trafas ankoraŭ nun tio, kion la protestanta teologo Heinrich Gelzer skribis, ĉirkaŭ 1900, en sia libro "Geistliches und Weltliches aus dem türkischen Orient": "..... krom la oficiala turka mondo ..... ekzistas dua, la kristana Konstantinoplo, kiun la normala vojaĝanto en Proksima Oriento apenaŭ aŭ tute ne notas. La kvartalojn de la grekoj kaj armenoj, "Phanar" kaj "Kum-Kapu", la vojaĝanto tute ne eniras aŭ trarapidas ilin, kaj tamen tie ĉi videblas, apud la oficiala turka mondo, malnova-kristanisma mondo de Proksima Oriento, kiu estas apenaŭ malpli interesa kaj kiu havas sendube pli grandan estonton." Gelzer eraris en tiu ĉi prognozo. La estonto, jam malmultajn jarojn post la eldiroj de Gelzer, alportis morton kaj detruon al centmiloj da kristanaj grekoj kaj armenoj.

## LA ARMENOJ

En 1972, oni taksis ke vivas ankoraŭ proksimume 60.000 armenoj en Istanbulo. Ilia patriarko Ŝnork Kalustian rezidas en Kumkapi, kie lin vizitis papo Paŭlo la Sesa en 1967.

Tra la tuta urbo, ankaŭ norde de la Ora Korno, troviĝas pli ol 30 armenaj gregoriaj preĝejoj kaj 15 de la katolikaj armenoj ligitaj kun Romo (kiuj havas ĉefepiskopon en Istanbulo). Ĝis 1928 tiu ĉi urbo estis la sidejo de la katolika patriarko de la armenoj, kiu tiam transiris al Bejruto. Laŭdire, ekzistas 6.000 armenaj katolikoj, pri kiuj okupiĝas sep pastroj kaj sama nombro da "meĥitaristoj", anoj de armena ordeno.

Pluvivas armenaj lernejoj, du armenaj taggazetoj kaj pluraj semajngazetoj.

## LA JUDOJ

Temas en la plej multaj kazoj pri posteuloj de la judoj forpelitaj en 1492 el Hispanio. Ili konservas ĝis nun sian tiuepokan kastilian lingvon kaj utiligas ĝin en siaj sinagogoj, lernejoj kaj presaĵoj. Niatempe aperadas du sefardaj semajngazetoj ("La Vera Luz" kaj "Salom"). Tamen, jam en 1937 G. Farhi konstatis ke tiu lingvo estas forte influata kaj minacata de la franca lingvo.

# ETNA KONSISTO DE LA VILAĜANARO EN LA KÜÇÜK-MENDERES-REGIONO

## (SUDORIENTE DE IZMIRO)




Etna konsisto de la vilaĝoj:

- ○ diversa,
- ● laŭdire nur turkoj,
- ◖ precipe muhaciroj el Jugoslavio,
- △ " turkmenoj,
- ▲ " ĉerkesoj,
- □ grandparte pomakoj,
- ■ konsiderinda nombro da negroj,
- ◇ eksnomadaj "Yürük"-oj,
- ◆ precipe kurdoj.

La skizon faris d-ro Willi J. Eggeling (universitata instituto pri geografio, Wuppertal) laŭ siaj propraj esploroj en 1971.

## LA CETERAJ KRISTANAJ GRUPOJ

Ĉar en Istanbulo ankoraŭ konatas 217 kristanaj preĝejoj, en kiuj oni celebras diservojn, eblas certa superrigardo pri kristanaj grupoj. Krom preĝejoj de okcidenteŭropaj eksterlandanoj troviĝas katolika bulgara preĝejo kaj tri siriaj preĝejoj (pli kaj pli da enloĝantoj de orienta Anatolio venadas al Istanbulo). En tiuj ĉi diservejoj de la okcident-siria-jakobita rito oni predikas en kvar lingvoj: turke, arabe, kurde kaj nov-aramee. Inter la arĝento- kaj oroforĝistoj estas multaj parolantoj de la nov-aramea lingvo. Ankaŭ la orientsiriaj ĥaldeoj, ligitaj kun Romo, kaj la maronitoj havas siajn preĝejojn en Istanbulo, same la ortodoksaj kartveloj. - La situacio de tiuj ĉi kristanaj grupoj estas malfavora, ĉar la laika leĝdonado kaj la forta vigligo de la turka islamo diskriminacias ilin. La sinteno de multaj turkoj estas malamika kontraŭ tiuj kristanoj: En septembro 1955 plebo, furioziĝinta pro la Cipro-krizo, trarabis pli ol 50 preĝejojn komplete detruante 14 el ili kaj difektante 39.

## ISLAMAJ GRUPOJ

Ĉar turkeco kaj islamo ĉiam estas identigataj kaj ĉar la turka estas la sola instrulingvo, ne estas fareblaj ekzaktaj indikoj pri la neturka anaro de islamo. Ekspertoj kiel la turkologo kaj geografo Willi J. Eggeling taksas ke en Istanbulo vivas pluraj centmiloj da kurdoj, kaj li konstatis ankaŭ konsiderindajn arojn da ĉerkesoj, pomakoj, lazoj, albanoj, turkmenoj kaj tataroj.

# LA KÜÇÜK-MENDERES-REGIONO

Pri tiu ĉi regiono, kiu ampleksas la distriktojn (turke: ilce) Torbali, Bayindir, Ödemiş, Tire, Selçuk kaj Kiraz, ekzistas doktoriga tezo de Willi J. Eggeling ("Beiträge zur Kulturgeographie des Küçük-Menderes-Gebietes, Bochum, 1973), kiu - krom faktoroj de koloniado kaj agrikulturgeografio - unuan fojon priskribas la etnan situacion de nuntempa okcidentanatolia regiono.

Ĝis 1922 tiu teritorio estis loĝata precipe de grekoj, kiuj poste fuĝis aŭ estis forpelitaj aŭ murditaj. En iliajn vilaĝojn venis divers-etnaj grupoj el ekonomie malpli favoraj orientaj regionoj de Turkio, kaj poste muhaciroj - precipe el Bulgario kaj Jugoslavio - estis lokitaj en tiun ĉi regionon, ĉar ankoraŭ ne estis reatingita la popoldenseco de la greka epoko. En 1970 montriĝis jena etna proporcio:

| | | |
|---|---|---|
| turkoj | 150.000 | 46,5 % |
| muhaciroj el Grekio, Bulgario, Jugoslavio kaj Albanio | 54.000 | 16,7 % |
| eksnomadaj "Yürük"-oj | 49.000 | 15,0 % |
| kurdoj (ŝijaistoj!) | 32.000 | 9,9 % |
| ĉerkesoj (el Kaŭkazo) | 16.000 | 5,0 % |
| turkmenoj | 15.000 | 4,7 % |
| negroj kaj ciganoj | 7.000 | 2,2 % |
| sume proksimume | 323.000 | |

(Komparu la skizan mapon pri la etna konsisto de la Küçük-Menderes-regiono en paĝo 5.)

# LA TUR-ABDIN-REGIONO

Depost la remalkovro de la novaramea lingvo en la 19-a jarcento aperis amaso da literaturo pri tiu ĉi ankoraŭ vivanta branĉo de la aramea (la gepatra lingvo de Jesuo). Kelkaj novaj esploroj ebligas al ni determini grandan parton de tiuj vilaĝoj, en kiuj estas parolata la novaramea (nomata same novsiria kaj asiria. La plej multaj enloĝantoj estas du-, tri- aŭ eĉ kvarlingvaj, ĉar ĉi-regione ofte kunvivas en la vilaĝoj parolantoj de la novaramea, de la kurda kaj de la araba kaj ĉar aldoniĝas la aŭtoritate uzata turka lingvo. Centro de la novaramea lingvo estas la urbeto Midyat, ĉirkaŭ kiu troveblas tuta aro da tiulingvaj vilaĝoj. Krome ekzistas parolantoj de la novaramea lingvo ankaŭ en Ankaro, Istanbulo, Mardin, Diyarbakir, Elazig, Malatya kaj Adiyaman.

# CETERE.....

Post la kurdoj, kiuj estas 7 - 8 milionoj kaj havas malgraŭ sia kompakta teritorio absolute nenian etnan rajton, rangas la araboj. Ĉar ankaŭ la limiĝo de Turkio al Malgranda Azio ankoraŭ estas tie 400.000 araboj, precipe apud la turka limo kun Sirio kaj Irako kaj ĉe Iskenderun (kiu nur en 1939 el franca okupacio revenis al Turkio). La situacio de la araboj egalas tiun de la kurdoj: La oficiala lingvo estas la turka, la araba skribo estas malpermesita, jam en la elementa lernejo oni instruas ekskluzive turke.

La ceteraj minoritatoj estas interesaj kaj multfacetaj, kvankam malpli konataj. Sub la vidpunkto de turismo Turkio agnoskas la ekziston de 55.000 kartveloj sudokcidente de la Malgranda Kaŭkazo, apud la turk-soveta limo. Post 1945 Sovetunio plurfoje postulis ĉi tiun regionon loĝatan de kartveloj, fine tamen rezignis. Krome ekzistas proksimume 50.000 lazoj (t.e. mahometanaj kartveloj), kaj ja multe pli ol 100.000 ĉerkesojn oni trovas. Kontraŭe al la indiĝenaj kartveloj kaj lazoj, la ĉerkesoj enmigris nur post la rusa konkero de la okcidenta Kaŭkazo. Ne pretante submetiĝi al la rusoj ili ekde 1861 elmigris centmilope, el kiuj apenaŭ duono transvivis malsaton kaj epidemiojn. De tiam oni trovas ilin en la tuto de la iama Otomana Regno, eĉ en Sirio, Jordanio kaj en la balkana duoninsulo. Iom koncentritaj ili ankoraŭ estas apud Balikesir kaj Bursa, kaj la aliaj estas dissemitaj tra tuta Turkio kaj tiel forte minacataj de asimilado. - La ubiĥoj, venintaj en Trukion kun la ĉerkesoj kaj ekloĝintaj precipe apud Izmit, same kiel ĉeĉenoj kaj osetoj preskaŭ tute malaperis inter ĉerkesoj kaj turkoj. En nur du vilaĝoj oni ankoraŭ parolas ubiĥe. - Albanoj vivas relative dense ĉe Adapazari, sed estas troveblaj ankaŭ dise tra la tuta lando, simile bosnianoj kaj pomakoj. Samon oni devas konstati koncerne la tatarojn venintajn de Krimeo kaj el Dobruĝo dum preskaŭ unu jarcento.

Dum Turkio ne ebligas liberan sindeklaron pri etnaneco kaj ne permesas gepatralingvajn lernejojn, nur jen kaj jen iuj regionoj konatiĝos el la vidpunkto de sia etna strukturo. La ankoraŭan premegon kaj la memoron pri la masakroj de 1915 same kiel pri la kurdaj ribeloj de la 20-aj kaj 30-aj jaroj atestas la fakto, ke dekmiloj da loĝantoj de la montaroj sentas sin kristanaj armenoj, kiuj tamen dum 60 jaroj, almenaŭ en publiko, malkonfesas siajn etnanecon kaj religion por povi vivi sen esti diskriminaciataj! Se Turkio volas pliligiĝi kun la Eŭropaj Komunumoj, ĝi devas tutvaste en okcidenta kaj centra Eŭropo respondi plenhoneste la tiklan demandon koncerne la etnajn minoritatojn en Turkio.

Rudolf Grulich

# REZOLUCIO PRI TURKIO

La 7-a kongreso de A.I.D.M.L.K. kunveninta en Châtillon, Aosta Valo, Italio, 23-a - 25-a de julio 1976, studinte la raporton kaj la dokumentojn koncerne la kurdan popolon en Turkio,

KONSIDERANTE la artikolojn 37 ĝis 44 de la Traktato de Lausanne de 1923,

MEMORIGANTE pri la parolado farita la 23-an de januaro 1923 de Ismet Inönü, ĉefministro de Turkio, en la konferenco de Lausanne, en kiu li deklaris ke la Respubliko Turkio estas loĝata de du popoloj, la turkoj kaj la kurdoj kaj ke tiuj ĉi du popoloj kune regas la Respublikon,

KONSTATANTE ke la kurda popolo en Turkio, kies ekzisto kaj, do, rajtoj estis tiel agnoskitaj fare de la registaro de Ankaro antaŭ la internaciaj instancoj, nuntempe ne estas agnoskata fare de la registaro de la Respubliko,

- ke la kurda popolo formas en Turkio subprematan komunumon sur kultura kaj etna kampoj,
- ke la regionoj, en kiuj la kurdoj estas majoritataj (orienta Turkio), ŝajnas esti submetitaj al politiko de ekonomia ne-evoluado kaj de kultura asimilado,

SUBSTREKAS solene la legitimecon de la aspiroj de la kurda popolo en Turkio cele al agnoskiĝo kiel unu el la du ĉefaj etnoj de la Respubliko kaj por ĝui ĉiujn tiurilatajn rajtojn,

PETAS la registaron de Ankaro:

* konformiĝi al siaj propraj deklaroj de 1923 antaŭ la Konsilantaro de la Ligo de Nacioj,
* ĉesigi la politikon de kultura asimilado, de nacia subpremado kaj de ne-evoluado praktikatan kontraŭ la kurdojn,
* agnoski la kurdojn kiel unu el la du ĉefaj popoloj de la Respubliko kaj respekti iliajn kulturajn, etnajn kaj demokratajn rajtojn legitimajn,
* precipe malfermi lernejojn kiuj instruos en la kurda lingvo en la regionoj de kurda plimulto kaj permesi ĉi-lingvajn publikigaĵojn.

---

(Koncerne kurdojn estas deciditaj, dum tiu sama kongreso de A.I.D.M.L.K., rezolucioj direktitaj al la registaroj de Irano, Irako, Sirio, Azerbajĝano kaj Kartvelio postulante esence la samon: plenajn lingvajn kaj kulturajn rajtojn kaj ties kompletan efektivigon favore al la kurdoj. La kongreso, per aparta rezolucio, esprimis sian kontentecon al la Armena Soveta Socialisma Respubliko pro la agnosko kaj realigo de la rajtoj de la kurdoj.)

# KELKAJ NOMBROJ PRI TURKIO

**TERITORIO:** 780.576 kvadrataj kilometroj (el kiuj 23.623 en Eŭropo),

**ENLOĜANTOJ:** proksimume 39 milionoj (el kiuj 8,5 % en Eŭropo),

**DENSECO:** 50,1 personoj en ĉiu kvadrata kilometro,

**ANALFABETECO:** 40 %, **POPOLKRESKADO:** 2,4 % ĉiujare,

**EKSPORTAĴOJ:** fruktoj, kotono, tabako, kromo- kaj kupro-ercoj, bestproduktaĵoj,

**GRANDAJ URBOJ:** Ankaro (kun antaŭurboj: 1.553.897), Istanbulo (2.376.296/3.135.345), Izmiro (590.997/819.276), Adana (383.646), Bursa (318.209), Gaziantep (275.000).

# FEDERACIIGO DE TURKIO

Samkiel la turka popolo, tiel ankaŭ la armena kaj la kurda popoloj havas la rajton je propra ŝtato.

Dum la pasinto, la turka ŝtato senigis tiujn ĉi du popolojn je tiu ĉi rajto pri sindeterminado kaj praktikis subpremadon kontraŭ tiujn ĉi popolojn same kiel kontraŭ aliajn popolojn de Malgrandazio, per kio la kurdoj estis reduktitaj je kelkaj milionoj kaj la armenoj eĉ ĝis regiona minoritato kaj per kio certaj popoloj, kiel la asiroj, estis preskaŭ ekstermitaj.

Se Turkio, per violenta starigo de turka subŝtato en Cipro, kie la turkoj formas nur nekompaktan minoritaton, celis federaciigon de Cipro, oni devas konsekvence, kaj pli prave, postuli de Turkio federaciigon per kreo de kurda kaj de armena subŝtatoj, el kiuj ĉi-lasta devus esti malfermita por armenaj elmigrintoj. Per tio, Turkio povus kontribui al la rajto pri sindeterminado de la popoloj kaj, precipe, montri ke ne nur la komunisma Sovetunio, sed ankaŭ la pluralisma okcidento kapablas doni al la armenoj, tiu malnova unuaranga kulturpopolo, subŝtaton.

(Sekvas subskriboj de universitataj profesoroj, advokatoj, politikistoj kaj aliaj kulturagantoj el Francio, FR Germanio, Aŭstrio, Kanado, Italio, Svisio.)

Tiuj kiuj pretas subteni la ĉi-suprajn postulojn, sendu tiusencan deklaron al:

Bureau des Nations Européennes sans Etats
13 rue Hobbema, B - 1040 Bruselo

aŭ al:

Galoust Khan Pilossian
Résidence Port Sud, 27 avenue Magellan
F - 91650 Breuillet.

****************************************************************

# SLOVENA SOLIDARECO

"Ligo de societoj por internacia lingvo esperanto de SR Slovenio

L E T E R O

al la Solidareckomitato por la rajtoj de la slovena kaj kroata minoritatoj en Aŭstrio kaj al la organizoj de esperantistoj en Aŭstrio.

Ligo de societoj por internacia lingvo esperanto de SR Slovenio decidis dum sia eksterordinara jarkunveno, kiu okazis la 13-an de novembro en Ljubljana, esprimi sian subtenon por la batalo de la Solidareckomitato kaj ĉiuj progresemaj fortoj en Aŭstrio, kiujn tiu komitato kunligas por rekono kaj demokratecaj rajtoj de la slovena kaj kroata minoritatoj en Aŭstrio.
Ni estas konvinkitaj, ke tiu batalo ne estas nur batalo por la rajtoj de tiuj du minoritatoj, sed ke temas pri la rajtoj de ĉiuj minoritatoj en Eŭropo kaj en la mondo. Eĉ pli - ke daŭras batalo kontraŭ la restaĵoj de por ni eĉ tro konata faŝismo - kontraŭulo de ĉiaj demokratecaj homaj, popolaj kaj homaraj rajtoj. Tiu reviviga provo de germana naciismo atentigis je tia danĝero kaj levigis solidarecan ondon de progresemaj fortoj en Aŭstrio kaj en tuta Eŭropo. Al tiuj fortoj aliĝas ankaŭ ni esperantistoj - batalantoj por rekono kaj libera evoluo de ĉiuj nacioj kaj naciecoj kaj iliaj lingvoj, por libera reciproka interkompreniĝo sen diskriminado.
Samtempe ni alvokas ĉiujn organizojn de esperantistoj en Aŭstrio, ke ili aliĝu al la solidareckomitato kaj per sia laboro subtenu kaj plilarĝigu unuecan fronton de la progresemaj fortoj por paca kunvivado."

# NEKREDINDE, SENPERSPEKTIVE

Kvankam tiu ĉi informilo neniel celas trakti aferojn de la Esperanto-movado, ŝajnas neeviteble ĉi-foje okupiĝi pri okazintaĵoj dum la 61-a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno, Grekio, 31.07. - 07.08.76. Ĉar en rilatoj inter la esperantistoj kaj la aktivistoj de etnaj minoritatoj evidentiĝis unu - eventuale la ĉefa - malsano de la adeptoj de la Internacia Lingvo: la mallarĝega horizonto de multaj esperantistoj, kiu permesas al ili vidi nur unu solan lumeton, sian amatan Esperanton. Tiuj ĉi homoj taksas sin kaj siajn "kunbatalantojn" tiel fortaj ke ili kredas ke ili povas rifuzi koaliciojn kun veraj samideanoj (eventuale tute ne scipovantaj tiun ĉi lingvon). Koalicio, komprenneble signifas kunlaboradon, kompromisadon, klopodadon pri realigo de siaj propraj celoj kaj de tiuj de la koaliciano. Kiajn revojn havas tiuj esperantistoj?! Ĉu ili tute ne konscias pri sia malgrandega nombro, pri sia terura financa malforteco, pri la manko preskaŭ absoluta de rilatoj al influhavaj politikistoj?

Nu, jen kio okazis:

Kiel reprezentanto de AIDMLK mi estis petinta la estraron de Universala Esperanto-Asocio (UEA) pri permeso starigi informbudon en la halo de la Atena kongresejo, tie distribui faldfoliojn kaj, kadre de la UK-programo, organizi fakkunvenon de AIDMLK. La estraro estis konsentinta, kaj mi instalis tablon, elmetis numeron 13 de ETNISMO, la konatan oranĝkoloran faldfolion "Pri la rilatoj inter la lingvoj de etnaj minoritatoj kaj la internacia lingvo Esperanto", la statuton de AIDMLK, skizon pri tiu sama asocio kaj (kun indiko de vendoprezo de 22 draĥmoj) la ĵus antaŭe aperintan 12-paĝan kajereton "Etnaj problemoj en sudorienta Eŭropo" (vidu la ĉi-apudan atentigon) kaj pendigis tri afiŝojn.

Jam la unuan aŭ duan kongrestagon min surprizis la subita malapero de la skatolo enhavanta la kajereton pri sudorienta Eŭropo. La Loka Kongresa Komitato (LKK) estis forpreninta ĝin, ĉar - laŭdire! - oni nenion rajtis vendi en la kongresejo senkoste disponebligita fare de la kompetenta ministerio. Strange tamen ke ĉirkaŭ mi daŭris, eĉ pliviglĝis la komercado: Diversaj kongresanoj vendadis librojn, diskojn, medalionojn k.s. ... Nu, naive mi submetiĝis al la "ministeria ordono" kaj subtabligis la stokon. La publiko verve prenadis ekzemplerojn de la senkostaj presaĵoj.

La granda ŝoko trafis min merkredon, la 4-an de aŭgusto, kiam mi matene konstatis ke unu el la tri afiŝoj estis malaperinta kaj ke la LKK-prezidanto Miggas estis propramane, kiel mem diris, forŝirinta ĝin! Kiam la prezidanto de UEA estis riproĉinta al Miggas la misfaron, tiu ĉi volis rependigi la afiŝon (aĉiĝintan pro plurobla faldado), kion mi ne akceptis volante eviti la publikan humiliĝon de tiu misinto kaj seriozajn malagrablaĵojn kontraŭ UEA. La sola argumento de Miggas estis la atentigo pri la ekzisto de minoritatoj, precipe makedonoj, en Grekio. Sed ..... en la forŝirita mapo mankas ĉia indiko de minoritatoj en tiu ŝtato! (La kajereto evidente klare mencias ilin.)

Ankaŭ aliaj LKK-anoj esprimis sian "prudenton" koncerne la minoritatan problemaron en Grekio.

La prezidanto de UEA, nome de la estraro, skribe esprimis senrezervan bedaŭron pri la ekesto de tiuj incidentoj, substrekis ke LKK havis nenian rajton malhelpi la informadon de AIDMLK, kaj pardonpetis pro la malfacilaĵoj.

Sed, bedaŭrinde, la ĉapitro daŭras:

La fakkunsido de AIDMLK, vendredon, la 6-an de aŭgusto, pri "La si-

# ETNAJ PROBLEMOJ EN SUDORIENTA EŬROPO:



tuacio de la etnaj minoritatoj en sudorienta Eŭropo" (proksimume 3o personoj, 9o minutoj, sub gvido de Renato Corsetti, itala AIDMLK-sekcio) donis okazon al eminenta bulgara esperantisto, Ĥristo Gorov, iom krude prezenti la ideojn de marksisto-leninisto pri la etna problemaro. En la diskuto, kiu sekvis mian enkondukon, tiu Gorov riproĉegis plej akre ke kongresanoj en Ateno kritikas la registaron de la gastiganta lando. Li postulis ke tiuj kritikantoj turnu sin same kontraŭ okcidenteŭropaj ŝtatoj, kaj, kulmine, Gorov rekomendis al ĉiuj turkoj vivantaj en Bulgario "reiri tien, de kie ili venis", se ili ne plu kontentas pri la cirkonstancoj en Bulgario! - Evidente, tiu delegito de Bulgara Esperantista Asocio ne konas liberan opini-esprimadon, kiu tute nature inkluzivas kritikadon pri ĉiuj aspektoj de la homa socio. Li neniel komprenas la intiman interligitecon de la luktado de etnaj minoritatoj kaj de la klopodado pri enkonduko de la Internacia Lingvo. Li estas timige senscia pri la agado de AIDMLK kaj de tiuj malmultegaj esperantistoj agantaj ĉi-kampe kaj radikale kritikantaj la registarojn de ĉiuj ŝtatoj diskriminaciantaj kiun ajn etnan grupon. Ĉu, fine kaj sume, tiu Gorov povas ne scii ke tiuj nunepokaj turkoj (kaj aliaj) tute ne enmigris en Bulgarion, sed ke ili estas la posteuloj de turkaj invadintoj de antaŭ multaj jarcentoj? - Feliĉe ke almenaŭ la ceteraj diskutintoj montris fundamentan komprenon pri la problemaro de etnaj minoritatoj!

Sed, bedaŭrinde, la ĉapitro daŭras:

D-ro Pol Denoel, estrarano de UEA, prezentis jenan PERSONAN DEKLARON:

"Kiel ĉiu esperantisto mi estas kontraŭ ĉia vera lingva diskriminacio kaj estas konvinkita, ke nur Esperanto prezentas la ĝeneralan solvon por forigi tiun diskriminacion.
Mi tamen konvinkiĝis, ke en pluraj ŝtatoj ne temas pri pure lingva problemo, kaj ke ne lingva diskriminacio kaŭzis sociajn aŭ politikajn problemojn, sed ke batalo por sociaj kaj politikaj problemoj tre ofte utiligas aŭ revivigas lingvajn kontestadojn, kiel unu elementon de sia armilaro.
Ofte, laŭ mia konvinko, la problemoj pri etnaj minoritatoj prezentas politikan karakteron, kiu ne akordiĝas kun la neŭtraleco de UEA. Mi devas atentigi la Estraron pri la danĝero, kiu minacas la movadon, se la glitado de la nura defendo de Esperanto al aktiva defendo de la etnaj minoritatoj pligraviĝos:

- Landaj Asocioj de tiuj ŝtatoj kun minoritata(j) problemo(j) riskos fronti internajn disputojn;
- UEA ricevos la kroman taskon arbitracii tiujn konfliktojn, eĉ se ĝi rifuzos mem preni partion (starpunkton) en tiuj problemoj;
- Ni forte limigos aŭ malutilos nian lukton por Esperanto ĉe unuopaj ŝtatoj aŭ mondregionaj instancoj, ofte per la nura menciado de tiuj problemoj.
- Ni devas timi ripetadon de la tiurilata incidento dum la Atena UK.
- Kalkulante, ke la protagonistoj de la defendo de minoritataj rajtoj estas sufiĉe priokupataj triumfigi sian regionan lingvon, mi dubas ĉu nia enmiksiĝo en tiajn problemojn aŭ nia engaĝiĝo en la enŝtatajn aŭ interŝtatajn kverelojn alportos gravan profiton sur la tereno de la disvastigo de Esperanto.

P. Denoel

estrarano de UEA.

Ateno, dum la 61-a UK de Esperanto. (1976)"

Ĉu vere Denoel, Gorov, Miggas kaj la plimulto de la Komitato de UEA, kiu rifuzis akcepti rezolucion mildaŭorte atentigantan pri la neceso respekti la minoritatajn rajtojn, - cu vere tiuj esperantistoj ne vi-

das la donkiĵotecon de sia konduto? Kiel ili sukcesas pledadi favore al internacia lingvo neŭtrala, se ili samtempe akceptas subpremadon de milionoj da homoj parolantaj denaske alian ol la ŝtatan lingvon? Kial tiaj homoj ne simple adoptas kiun ajn "nacian" lingvon kiel interŝtatan? Kiun sencon havas defendi la grekan, la bulgaran, la francan kaj la aliajn, se tamen centojn da lingvoj tra la tuta mondo oni rekte aŭ ruze forigas el ĉiuj oficialaj rilatoj? Kiu ŝtato tiom subtenadas la Esperanto-movadon ke la esperantistoj devus havi konscienco-problemojn kritikante, atakante tiun ŝtaton pro ĝia lingvo- kaj kulturpolitiko? Senkosta kongresejo, inter 6.000 kaj 10.000 bulgaraj esperantistoj, mizeraj subvencioj, ĝentilaj honorvinoj, membreco en honora komitato ktp.ktp. neniel trompu nin: La registaroj de niaj kapitalismaj, socialismaj, eksterblokaj k.s. ŝtatoj absolute ne kontribuas al la esenca antaŭenigo de nia afero! La Internacia Lingvo ne pereis pro Stalin, Hitler kaj Salazar kaj same ne pereus sen tiuj kelkakaze ofendaj almozoj de niaj registaroj. Sed la aktivuloj esperantistaj povas perdi sian kredindecon, sian moralan krediton en la publiko neesperantista, se ili parolas per fendita lango, se ili ne havas la kuraĝon inter si mem diskuti iujn el la fundamentaj problemoj de la respektivaj landoj, se ili ne konscias pri la regionaj radikoj de la tutmonda lingvo-problemo!

Ŝajnas neeviteble ke ĉiam reaperadas la fatale nebula termino "neŭtraleco". Estus kompreneble se esperantisto, organo de la Movado ne volus starpunkti pri religiaj demandoj, pri la kverelo inter Ĉinio kaj Sovetunio aŭ pri la esencaĵoj de marksismo, jes ja. Tamen neniu el tiuj neŭtralistoj kapablas ekspliki kiel oni povas resti indiferenta antaŭ la fakto de malpermeso de oficiala kaj plena uzado de tiom da lingvoj, denaskaj esprimiloj de tiom da homoj.

Se tia ĉi spirito regas en la Esperanto-movado, facile kompreneblas ke la raporto pri la AIDMLK-kunsido en Ateno malaperis el inter la manuskriptoj por la Internacia Gazetara Servo, ĉu ne?

Ĉu tiun profundan negativecon kompensas la aktivaĵoj de la pli junaj esperantistoj? Jen la "Ekstera Rezolucio" de Tesaloniko:

"1. La 32-a Kongreso de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo okazinta en Tesaloniko traktis la ĉeftemon "lingvo kaj socio".

La Kongreso opinias, ke la problemoj de lingvo kaj socio ne estas disigeblaj, ĉar lingvo estas unu el la esence fundamentaj iloj en la socia disvolviĝo kaj kultura evoluo. Tial ke interne de ŝtatoj multaj naciaj malplimultoj baraktas por daŭra ekzisto kaj evoluo de sia propra lingvo kaj kulturo, TEJO plene subtenas tiujn strebojn.

2. La Kongreso salutas la kunvenon de AIDMLK, kiu celas la solvon de tiuj problemoj.

3. TEJO notas la partoprenon de TEJO-delegacio en la komisiono de EJSA, konscias pri la graveco de la problemoj traktitaj en ties dokumento kaj konsideras estontan kunlaboron.

4. Pro la fakto, ke TEJO kongresas en Grekujo, akceptota kiel deka membro-ŝtato de la Eŭropa Komunumo, TEJO konstatas, ke nun en la Eŭropa Komunumo ekzistas sep oficialaj lingvoj, kaj post la aliĝo de Grekujo ili estos ok; tial TEJO forte rekomendas al la instancoj de la Eŭropa Komunumo kiel eble plej baldaŭ enkonduki la neŭtralan internacian lingvon Esperanto kiel la duan oficialan lingvon por ĉiuj membro-ŝtatoj."

Espereble la junaj esperantistoj aktive batalos kontraŭ ĉiun lingvan diskriminaciadon forjetante la apenaŭ kamuflitan senperspektivecon de la pliaĝa plimulto.

ujm

# NENIIGITA KIEL POPOLO

## GROENLANDANO: SAMECO IĜIS ABOMENINDA KAJ HUMILIGA MALSAMECO




La dana eduka sistemo estingos, en ne tro longa tempo, ĉion kio nomiĝas groenlandaj lingvo kaj kulturo. Tiam la groenlanda popolo ĉesos ekzisti kiel popolo. Tion oni nomas aliloke genocido.

Angmalortoq Olsen, ĉef-fakturisto de la kooperativo Sipeneq, Holsteinsborg, ĵetegas sian opinion ne sukeritan en la vizaĝon de danaj politikistoj kaj administristoj.

Ni devas havi memregadon. Tiel baldaŭ kiel eble. Eĉ se tio fariĝos senfine malfacila por ni - precipe ĉar niaj rezervoj estas preskaŭ fordonitaj.

Sed li ne scias ĉu pliboniĝos. Nur ke la situacio hodiaŭ estas netolerebla.

Parlamentano Lars Emil Johansen donas, en postskripto, pli profundan respondon: La groenlandanoj povas evolui reale nur se ili mem planas sian evoluon, mem donas al ĝi enhavon kaj signifon. Tiel ni povas ataki la problemojn kiuj estigis la regado de malproksime. Groenlanda identeco, lingvo kaj kulturo ne nur devas esti uzataj en la malgrandaj hejmoj, sed devas havi la centran lokon en la administrado kaj la politika planado.

Sed Grønlands Tekniske Organisation /la Teknika Organizo de Groenlando, GTO/ ne opiniis sia tasko instrui groenlandanojn. Ĝi estas eble la plej perfekta, ne ŝanceliĝema teknokrata aparato en la reĝlando, kiun oni devas demandi ĉiufoje kiam oni intencas fari strekon sur peco de papero. GTO estas pure koloniiga instrumento, skribas la aŭtoro. (*)

La Organizo signifis multon por la konstruo de la fizika, materia flanko de Groenlando, por danaj metiistoj kaj industrio. Sed ĝi signifis

malpli ol nenio por groenlanda evoluo de propraj eblecoj por mem solvi la problemon de konstrua laboro de variaj specoj.

Kontraŭe al tio, Kongelig Grønlandske Handel /Reĝa Groenlanda Komerco/ faris sufiĉe multon por eduki groenlandanojn por ĉiuj niveloj kaj por transpreno de la postenoj.

La groenlandaj geinstruistoj estas minoritato en la propra lernejo. La danaj instruistoj scias tro malmulte pri la groenlanda socio kaj la stato de la lernejanoj. Al ili mankas sento de responso pri la instruado kaj edukado de la lernejanoj.

La lernejaj lingvo kaj sistemo estas danaj. La dana estas la lingvo de la instruado, de la laborloko, de la justico, de la komerco kaj cetere ankaŭ de la vendejoj.

Angmalortoq Olsen opinias ke la influo de la groenlandaj politikistoj estas de tre malgranda signifo. Ili devas zorgi pri tre granda kampo kaj esti informitaj pri multaj aferoj. La danaj partioj estas tiel grandaj ke ili povas havi specialistojn.

La (laŭ okcidenteŭropa senco) multe malpli ekzercitaj kaj malpli spertaj groenlandaj politikistoj staras antaŭ la samaj ekspertoj kiel danaj politikistoj --- kaj antaŭ "viaj ruzegaj politikistoj" en amaso da intertrakto-situacioj(**).

La statuto de 1953 ŝanĝis Groenlandon el kolonia statuso en formalan juran samecon. Angmalortoq Olsen riproĉas la danajn politikistojn kaj oficistojn, ke tia sameco fariĝis abomeninda kaj humiliga malsameco.

La materiaj aferoj, kiuj venis, estis bonaj. Tio laŭdire estis ankaŭ la intenco. Sed tio finiĝis en "ordinara kaj tradicia kolonia socio". Kun fremda, izolita, tre forta supra klaso kaj malforta kaj "senesperige disigita hejma" malsupra klaso. Homa mizero kaj humiligo en forgesitaj loĝlokoj.

Erik Staffeldt en "Politiken"
(Kopenhago) de 12. o7. 1976 (***)

(*) "Aŭtoro" = Angmalortoq Olsen, kies libron "Grønland i dag/ nunarput uvdluvtine" (Kragstedet, 1o1 p. inkluzive la groenlandan tradukon) Staffeldt priskribas en la ĉi-supra artikolo.

(**) La dana parlamento havas 175 danajn, 2 feroajn kaj 2 groenlandajn deputitojn.

(***)La ĉi-supra teksto estas ekstrakto, kiun preparis kaj tradukis Dirk Willkommen, Kiel, FRG.

---

# AIDMLK

La ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ (AIDMLK) organizis sian 7-an "kongreson" en Châtillon (Aosta Valo, Italio) de la 23-a ĝis la 25-a de julio 1976. Partoprenis preskaŭ 1oo personoj (flandroj el Belgio, slovenoj el Italio kaj Aŭstrio, bretonoj, katalunoj el Hispanio kaj Francio, sardo, grekoj el Italio,friulanoj, okcitanoj el Francio kaj Italio, piemontanoj, romanĉoj, francoj, FR-germanoj, altaragonanoj, valonoj el Belgio, asturianoj, vasko el Francio, kurdoj, platdiĉo, germanoj el la italia Walser-valo, rumano, kroato el Italio, kaj aostianoj).
La "laboroj" okazis en komisionoj kaj en la pleno, sed ..... mankegadis tempo! Ne eblis trankvile kaj profunde diskuti la amason da problemoj, ne ekzistis preparitaj raportoj (escepte pri la si-

tuacio de la lingvaj minoritatoj en FRG), eĉ la estraro ne liveris tekston, kaj, kulmine, la ĉefaj homoj obstinege kontraŭdiradis pli longajn kunvenojn! Pri la konkreta situacio en la Aosta Valo la kongresanoj nenion aŭdis (escepte de vespera dialekta teatraĵo kaj terminologia disputo). La komisionoj estis tre neekvilibre starigitaj: apud komisiono de pli ol 10 personoj laboris aliaj konsistantaj el 4 aŭ 3, eĉ nur 2 aŭ UNUSOLA persono! Kelkaj rezolucioj estis tiel longaj ke estis malfacile trankvilakonscience akcepti ilin sen koni ĉiujn nuancojn. La kongreso akceptis po unu rezolucion pri: Francio, Hispanio, Aŭstrio, Nederlando (frisoj), Belgio, Rumanio, FR Germanio, Italio, Friulo, grekoj, albanoj kaj ciganoj en suda Italio, Sardio, Aosta Valo, dolomitaj romanĉoj, kurdoj en Armenio, Azerbajĝano, Kartvelio, Irano, Irako, Sirio kaj Turkio, administraj aferoj de AIDMLK, Tria Mondo, kaj krome decidis sendi salutmesaĝon al la 61-a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno kaj eksmembrigi la asocion "Freundeskreis Südtirol" (= Amikaro Suda Tirolo) pro ties aperta subteno al la kontraŭslovenaj kampanjoj de la german-naciista "Karintia Hejmlanda Servo". La kongreso (pli precize: la Ĝenerala Asembleo respektive la Federacia Konsilantaro) elektis la estraron, en kiu apenaŭ okazis modifo.

Konklude: Krom la "ĈARTO DE LA RAJTOJ DE LA ETNAJ MINORITATOJ" finfine akceptita (kaj publicota baldaŭ en diversaj lingvoj, ankaŭ en Esperanto) apenaŭ io grava okazis, eĉ ne eblis turismeti pro tempomanko. Se AIDMLK vere volas internaci-skale atingi ion konsiderindan, ĝi devos esence ŝanĝiĝi: konstantigi siajn laborojn inter la kongresoj (ĝis nun ne meritantaj tiun nomon) kaj seriozigi la dumkongresajn! Pri la lingva kaoso konvenas diri ke oni parolis ĉefe france tradukante tamen en la italan kaj slovenan (kompreneble sinsekve por malŝpari la tempon!) kaj jen kaj jen flustre en la germanan, iam duonaŭdeblis la angla, iu kongresano salutis eĉ en la Internacia Lingvo (kun posta traduko en la italan fare de itala esperantisto).

---

# AŬSTRIA FIASKO

VIENO. La speciala popolnombrado organizita de la registaro de Aŭstrio por scii kiom da negermanlingvuloj vivas en la ŝtato kaj por "plenumi" la packontrakton de 1955 estis - almenaŭ en Karintio - grandioza fiasko: Oni trovis nur 2.600 slovenojn! Ĉu tio signifas ke minimume 20.000 slovenoj dum la pasintaj kvin jaroj mortis, elmigris aŭ asimiliĝis? Absolute ne! La du centraj organizoj de la karintiaj slovenoj estis alvokintaj ĉiujn slovenojn bojkoti la nombradon, ĉar la registaro (subtene de la tri grandaj parlamentaj partioj) intencis apliki la ordonojn de la packontrakto nur en municipoj kun pli ol 25 % da slovenoj. La bojkoto perfekte funkciis: Aŭ oni tute ne iris al la balotejoj (kie oni devus plenigi deklarilon pri sia denaska lingvo) aŭ oni blokis la balotkabinojn aŭ oni malvalidigis la deklarilon aŭ oni - almenaŭ en Zell Pfarre - bruligis la deklarilojn. La aŭstria ĉefministro Bruno Kreisky jam diris ke rezulto de malpli ol 10.000 slovenoj havus nenian valoron por la efektivigo de la packontraktaj reguloj, ĉar 10.000 slovenoj signifus absolute nekredindan nombron. Kion la aŭstriaj partioj lernos el tiu ĉi leciono?

---

**ETNISMO** INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8, tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Han.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la tria numero de 1976.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (Se vi pagas ĉeke: 12,-- gm.)